28-a jaro



# LA VERDA LUPEO




28(107) INFORMILO DE ELF - AREK DEC.96

Offizielles Organ der ArGe ESPERANTO im VPhA

Ĝojan Kristnaskon kaj Feliĉan Novjaron!



# KRISTNASKO 1996

La estraro de ELF- AREK, la redaktoro kaj la kunlaborantoj deziras al niaj karaj kaj estimataj klubaj geamikoj *Ĝojan Kristnaskon kaj Feliĉan Novjaron.* Al niaj geamikoj en Ĉinio gajan *Printempan Feston.*

## *OFERTO*




Tiu, kiu deziras ricevi la polan E-stampon de la Nacia Kongreso en Gliwice 1996, bv. skribu al:
Stanisław Mandrak, "Esperanto"
skrytka pocztowa 21,PL-44-101 GLIWICE
Bv. aldonu al via mendo 2 IRK aŭ aliajn filatelaĵojn.
Demando de la redaktoro: ĉu la stampo estis nur uzita la 15 07 1996 aŭ ankaŭ dum aliaj poŝtaj tagoj? Krome, ĉu la stampo estis uzita nur de poŝtoficejo aŭ ekzistis kongresa poŝta giĉeto?

## *INTERŜANĜO*

Mi serĉas interŝanĝe aŭ kontraŭ pago jenajn jubileajn stampojn de P.R Ĉinio:
Guangzhou (5 A); Anshan (8); Guilin (23); Guiyan (24); Harbin (26); Hefei (27); Jamusi (28); Jinan (30); Jinzhou (31); Liuzhou (35); Nanning (40); Wuhai (54); Xiamen (57); Yinchuan (63).
La stampoj estu sur ĝuste stampitaj kovertoj au poŝtkartoj:
Rudolf BURMEISTER, MAX-MÜLLER-STR. 62, DE-09123 Chemnitz

## *VENDO DE ESPERANTAĴOJ*

Mi proponas multajn malnovajn librojn. poŝtkartojn, revuojn kaj aliajn esperantaĵojn. Mendu liston de:
S-ro Remy LEBRUN, 58 route des Andelys,
F-27510 Pressagny l'Orgueilleux
Interesuloj el Francio bv. aldonu afrankitan koverton. Interesuloj el aliaj landoj bv. aldonu 1 IRK. S-ro Lebrun tuj ekspedos liston kaj fotokopiojn kun ĉiuj prezoj.

## *LA REDAKTORO DANKAS PRO KONTRIBUOJ AL:*

Gesinjoroj Strönne, Dörfler, Darbellay, Amouroux, Piton, Beau, Jankowski, Mandrak, Muhsal, Gao, Song, Zhang kaj Cao

## *BONVENON AL NOVAJ MEMBROJ DE ELF - AREK:*



Prof. J. Bachrich, (YV), J.P. Ducloyer (F), M. Muhsal (D)
J.A: Pachter (D), D-ro V. Sirvent (YV), H. Thomander (S)
B. Wheel (USA), M. Karpaţi (IL) (realiĝo)

Mi atentigas niajn novajn membrojn, ke ili rajtas senpage anonci en nia informilo. Bonvole skribu al la redaktoro vian deziratan anoncon.

## STAMPOJ

*Novaj stampoj de PR Ĉinio*

La sube notitaj LVL-numeroj estas "inform-numeroj" de LVL kaj ili ne estas "katalog-numeroj".

Klarigoj de la mallongigoj:

*PMK = Poŝtmarka Kompanio (nova nomo: Filatela Kompanio = FK)*
*PTO = Poŝta-Telegrafa-Oficejo (aŭ: Poŝtoficejo)*
*UTS = Unuataga nuliga stampo por eldonoj de novaj pm-oj*
*AS = Memoriga Apudstampo, oni ne rajtas stampi pm-ojn per ĝi. Uzita de PMK (FK), kiu plenumas poŝtajn servojn en la P.R. Ĉinio*
*MDS = Memoriga (nuliga) datstampo*

Koran dankon al la klubaj amikoj: SONG, Zhang LINRUI kaj Cao XIONGLIN. kiuj informis la redaktoron pri la novaj stampoj,

| LVL-nro: 1996 | dato | urbo | mallongigo | teksto |
|---|---|---|---|---|
| NET | | | | |
| 06 | 05 01 | Haikou | PMK-UTS | LA MUSA JARO |
| 07 | 12 01 | Haikou | PTO-MDS | FUNKCIAS YACHENG-A GASA KAMPO |
| 08 | 04 05 | Haikou | PMK-UTS | ELEKTITAJ PENTRAĴOJ DE HUANG BINHONG |
| 09 | 17 04 | Haikou | PMK-UTS | AVIADILOJ FARITAJ DE ĈINIO |
| 10 | 18 04 | Haikou | PMK-UTS | PEJZAĜAJ MINIATUROJ |
| 11 | 02 05 | Haikou | PMK-UTS | LA CIKASO |
| 12 | 06 05 | Haikou | PMK-UTS | LA ANTIKVAJ KONSTRUOJ |
| 13 | 12 05 | Haikou | PMK-UTS | LA RUINO DE HEMUDU |
| 14 | 18 05 | Haikou | PMK-UTS | LA 9-A AZIA INTERNACIA FILATELA EKSPOZICIO EN ĈINIO |
| 15 | 01 06 | Haikou | PMK-UTS | LA INFANA VIVO |
| 16 | 23 06 | Haikou | PMK-UTS | CENTJARA JUBILEO DE OLIMPIKOJ KAJ LA 26-AJ OLIMPIKOJ |
| 17 | 25 06 | Haikou | PMK-UTS | ŜPARU LA TERON |
| 18 | 09 07 | Haikou | PMK-UTS | LA RUINOJ DE LA GUBERNA-TOREJO KAJ ZHEMU PAVILIONO |
| 19 | 15 07 | Haikou | PMK-UTS | LA ĈINA AUTOMOBILO |
| 20 | 28 07 | Haikou | PMK-UTS | REKONSTRUITA NOVA URBO TANGSHAN POST SISMEGO |

ET-stampoj:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 21 | 22 08 | Ŝanhajo | PMK-MDS | 1-A AZIA KONGRESO DE ESPERANTO (nur en ĉina skribo) |
| 22 | 22 08 | Ŝanhajo | PMK-AS | 1-A AZIA KONGRESO DE ESPERANTO |
| 23 | 09 09 | Pekino | PMK-AS | MEMORE AL LA 100-A DATREVENO DE LA NASKIĜO DE HU JUZHI |

Bildoj de la stampoj:

NET:



LVL-No: 06



LVL-No: 07



LVL-No: 08



LVL-No: 09



LVL-No: 10



LVL-No: 11



LVL-No: 12



LVL-No: 13



LVL-No: 14



LVL-No: 15



LVL-No: 16



LVL-No: 17



LVL-No: 18



LVL-No: 19



LVL-No: 20

ET:



LVL-No: 21



LVL-No: 22



LVL-No: 23

100-jara datreveno de la naskiĝo de HU JUZHI (HUJUCZ)

Nia CAO XIONGLIN sendis tiun tre belan poŝtan memorkoverton. Dorsflanke estas i.a. jena E-teksto:

*Emisiita de: Pekina Poŝta Administracio*
*Pretigita de Ĉina Esperanto Ligo*
*Teksto de: Ĉin Kaiĝi*
*Desegnita de: Ni Dongyang*






胡愈之誕辰一百周年
冰心題




Rudolf Burmeister
Max-Müller-str. 62
D-09123 chemnitz
Germanio
德国




邮政编码：

*Memorkoverto, eldonita de Pekina Poŝta Administracio kun memorstampo de Filatela Kompanio Xiqu-a*

Pri la ĉinaj tekstoj sur la memorkoverto ne venis klarigoj. La memoriga E-stampo havas la daton: 1996.9.9. same kiel la nuliga stampo. Dorsflanke ankaŭ estas indikata jena E-teksto:

*Samideano Hu Juzhi (1896.9.9. - 1986.1.16.) estis Ĉina eminenta politika aktivulo, pioniro de la Ĉina progresema kaj eldona afero kaj de la Ĉina E-Movado...*
*...Li estis vicministro pri kulturo... prezidanto de la Ĉina Demokrata Ligo... Li eklernis Esperanton en 1914, estis Prezidanto de la Ĉina Esperanto-Ligo de 1951 - 1986 kaj membro de la Honora Komitato de UEA...*

*Estus interese, scii la enhavon de la ĉinlingvaj enskriboj sur la koverto supre kaj en la ronda desegnaĵo. Koran dankon al ĈAO XIONGLIN pro la alsendo de la koverto al la redaktoro.*

## La 1-a Azia Kongreso de Esperanto en Shanghai

Tiu kongreso okazis 1996 08 22-25 en Shanghai. La kongresa temo estis: *Azio dum la 21-a jarcento.* Memore al tiu kongreso aperis pere de la Ŝanhaja Filatela Korporacio memorkoverto kun eldonkvanto de 5000 ekzempleroj. Dorsflanke tekstoj en la ĉina kaj en Esperanto kaj iuj teknikaj datoj pri la koverto, kiujn bedaŭrinde mi ne povas traduki.




*E-memorkoverto de SHANGHAI PHILATELIC CORPORATION (S.J.F. 96-14)*
*por la 1-a Azia kongreso de Esperanto*

En la kongresejo estis speciala poŝta giĉeto (aŭ tablo?), kie haveblis la memorkoverto. Oficisto tie akceptis poŝtaĵojn kaj stampis ilin per speciala nuliga E-a datstampo. Krome estas videbla la bela memorstampo de la Filatela Korporacio Shanghai kaj la ruĝa stampo de LKK kun la emblemo de la kongreso. Informojn pri la kongreso serĉu en aliaj gazetoj. Min ne atingis tiaj. El tiu kongreso sendis SONG SHENGTAN la memorkoverton kaj CAO XIONGLIN la poŝtkarton. Koran dankon al ambaŭ! Pri kongresa insigno ne venis informo.

## Jubilea stampo ET-TJ 22 kun nova urbo: CONGHUA

Nia amiko *Rolf BEAU* sendis al mi eltranĉaĵon de letero, ricevita el PR Ĉinio kun informoj pri ĝis nun ne konata urbo de ET-TJ 22: *CONGHUA*. La sendinton li ne sciigis al mi. Jen la resumoj de la informo:

> *La unuatagan koverton eldonis la PMK de la provinco GUANGDONG. Desegnis ĝin Wu Jia-fu. La urbo CONGHUA uzis tiun UTK, kvankam ĝi ne estis tie eldonita, kaj stampis ĝin per ĝia unuataga stampo.*




*Sur la dorsflanko troviĝas alvenstampo kaj ĉinlingvaj tekstoj; i.a kun la sciigo, ke la UTK estas eldonaĵo de PMK GUANGDONG.*
*La desegnaĵon de la stampobildo grafikis s-ro Xie Shao-xing, laŭ mia memoro. Li iam diris al mi, ke li desegnis la stampon por multaj urboj. Li ankaŭ ne plu memoris por kiuj urboj.*

Mi kore dankas al nia kolektamiko GAO Zhenxing pro tiu informo. La saman UTK mi posedas kun la jubilea stampo de GUANGZHOU.

*La urboj, kiuj uzis la stampon ET-TJ 22*

Multaj de niaj klubaj geamikoj ne posedas nian grandan katalogon, kiun kompilis Richard Hirsch. Ĉar jam kelkfoje en LVL aperis notoj pri poste konatiĝintaj stampoj, mi hodiaŭ prezentas al vi la plej aktualan liston de la ĝis nun konataj stampoj de la katalog-numero ET-TJ 22:

A CHAOZHOU 潮州
B FUSHAN 佛山
C GUANGZHOU 广州
Ĉ JIANGMEN 江门
D SHANTOU 汕头
E SHENZEN 深圳
F XINHUI 新会
G YANGJIANG 阳江
Ĝ ZHANJIANG 湛江
H ZHONSHAN 中山
Ĥ TAISHAN
I ZHUHAI
J SHAOGUAN
Ĵ HAIKOU 海口
K CONGHUA 从化



Rimarko de Hirsch: Mi afable petas la ĉinajn klubamikojn sendi al mi la mankantajn ĉinajn ideogramojn de Ĥ, I kaj J.

*Lastminutaj informoj pri ĉinaj apudstampoj (as)*

Post la redakta fino venis informoj pri apudstampoj, kiujn mi espereble povas detale priskribi en la sekvonta LVL. Dankon jam nun al nia GAO Zhenxing, kiu sendis tiujn "antaŭinformojn".

| | | |
|---|---|---|
| -1996 mar 08 | memoriga as pri "Televida Filmo" | kaj TUT-PK |
| -1996 maj 21 | memoriga as pri "Jelezo" | kaj TUT-PK |
| -1996 sep 09 | memoriga as pri "Hujucz" | kaj TUT-PK |
| -1996 okt 18 | memoriga as pri "Tao Xingzhi | kaj TUT-PK |

Krome la memorigajn as-ojn pri:

"Feliĉan Novjaron" 1994.2.6.
"Hunda Jaro" 1994
"Hunda Jaro" (var.)1994

La lastaj 3 el JIANGMEN, supozeble 2 de PTO kaj 1 de PMK.

## OPINIO

*Brita stampo de WARWICK*

Kion oni devas listigi en nia katalogo? Estas evidente, ke pri la katalogado ni devas esti atentemaj. Du nepraj kondiĉoj devas esti samtempe plenumitaj:

- la stampo estu de poŝta origino
- La teksto de la koncerna stampo, ĉu tute, ĉu parte, rilatu al Esperanto, eĉ se la kialo de la stampo ne rilatas al Esperanto-evento.

Neniu havas la ideon forpuŝi el niaj kolektoj ekzemple: BR 1-3, GB 10, FR 3, MEX 5, 6, PL 14, 21 k.a. Tion nur por citi kelkajn stampojn, kiuj, laŭ mi, ne rilatas al iu Esperanto-evento/aranĝo.

Kial do heziti enpreni la stampon AMIKARO de Warwick 1979?

Jean AMOUROUX

Respondo de R. Hirsch: Pri la neenpreno de la stampo de WARWICK mi rapide povas respondi: Mi ĝis nun nur vidis kelkajn pecojn de tiu rektangula stampo. Kial enpreni simplan stampon kun la E-vorto AMIKARO? Pri kiu aranĝo temas? Kial do katalogi ĝin?
Se oni volas elĵeti stampojn okaze de ne-E-aranĝoj/okazaĵoj/jubileoj, tiam oni ankaŭ devus elĵeti el nia katalogo la pli ol 240 ĉinaj NET-stampojn. La ĉinaj stampoj estis uzitaj okaze de ne-E-aranĝoj/kongresoj kaj aliaj okazaĵoj, sed kun E-enskribo. Dum la katalogado de la de vi menciitaj stampoj mi konstatis, ke temas nur pri unuopaj stampoj kaj ne necesis apartigi ilin. Tion mi nur faris, kiam la nombro de la ĉinaj stampoj rapide kreskis.

# Milita Poŝto

*Juvela E-Filatelaĵo*

Nia *Piton (BR)* fiere informis, ke li aĉetis en aŭkcio unu uzitan "Feldpoŝtkarton (Milit-Poŝta PK)" el la jaro 1915. Li uzis ĝin en la ĉapitro *"Asocioj"* en sia ekspozaĵo, kie ĝi *estas belega kontribuo.* Tiu poŝtkarto de la E-isto A. Mehsmer, Gogolin (iama germana Supra Silezio) al Frankfurt kun la stampo: 11.3.1915. Afrankon ĝi ne bezonis, ĝi ja estis "Milita Poŝto".

La eldoninto de tiu poŝtkarto, Germana Esperanto-Centro (E-Zentrale) en Dresden, ofertis la PK-ojn pere de "Germana Esperantisto". La Esperanto-Centro estis la ĉefsidejo de la Germana Esperanto-Asocio.

En nia Granda Katalogo de ELF-AREK ĝi estas katalogita sub "Milita Poŝto".

Cetere: Dorsflanke troviĝas skribita teksto en Esperanto. Kara Piton: Vi akiris tre bonan E-filatelaĵon -gratulon-kaj dankon pro viaj informoj.

Gogolin den 10/3. 1915
Kara amiko!
Jam de longe mi nenion aŭdis pri vi mi skribis al vi esperebble vi ricevis mian ptkt. se ne tiam mi vee danku por via afableco kaj bonoce ...



Feldpostkarte




Die Welthilfssprache Esperanto kann unseren Soldaten im Feindeslande wertvolle Dienste leisten. Es gibt in jedem größeren Orte Esperantisten, so daß eine Verständigung in Esperanto oftmals schneller möglich sein wird, als in der betreffenden Landessprache. Soldaten, macht Euch daher mit Esperanto bekannt! Aufklärende Schriften versendet bereitwilligst und unentgeltlich die Esperanto-Zentrale, Dresden-A. 1

Absender Name: A. Mehsmer 3. Landst. Batl.
Wohnung in: Gotz 3. Komp.

An den Herrn
Paul Hinsche
Frankfurt a/Main
Offenbacher landstr. 130
Armeekorps Komp.
Division Eskadron
Reg.-Nr. Batterie
Bataillon Kolonne

# EL LA HISTORIO DE LA E-FILATELIO

*D-ro L.L. Zamenhof pri filatela vortaro*

En la E-gazeto "Lingvo Internacia", 1896, paĝoj 102 - 103 nia *Zamenhof* interalie skribis:

> "... *Kiel tre bonan ekzemplon de tiu teknika vortareto mi povas rekomendi la vortareton por filatelistoj, ellaborita de s-ro Rene LEMAIRE tute sen helpo de mia flanko. Ĉio tie estas ĝusta, klara, oportune uzebla kaj severe en la spirito de nia lingvo...*"

Kiu ne posedas tiun numeron de tiu gazeto, povas legi tiun tekston en: "Lingvaj Respondoj de L.L. Zamenhof" (E.F.E. 1962).

Takacs kaj Ŝirjaev eraris, kiam ili skribis en EdE sur paĝo 137, ke Lemaire verkis ĝin en 1903. Pri tiu sufiĉe interesa artikolo sekvontfoje en nia LVL, ĉar ni eksciis, ke jam en la unuaj jaroj alte taksis Esperanton la filatelistoj.

## PRI "TRA LA FILATELIO" (1908 - 1909)

Al la artikolo pri ĝi en LVL(27)106 nia kluba amiko Jean AMOUROUX reagis kaj sendis la jenajn kompletigajn informojn: Mi posedas la plenan kolekton de tiu gazeto de junio 1908 (n-ro 1) ĝis novembro 1909 (n-ro 17). Kiam ĝi malaperis, la Esperantan titolon transprenis *"L'annonce philatelique"*, kiu en novembro 1909 jam informis pri la 11-a eldonjaro kaj numero 119.

"...Sub la dulingva titolo ĝi aperis almenaŭ ĝis novembro 1913. La numero 145 estas la plej lasta en mia posedo. La eldoninto de la gazeto estis d-ro VERDY en Troyes (F). La *"Tra La Filatelio"* sendube estis la Esperanta eldono de la franclingva gazeto..."

En la arkivo de AMOUROUX troviĝas pluraj leteroj kaj poŝtkartoj, senditaj de d-ro Verdy al famaj Esperantistoj en Francio.

Pri la kaŭzo de la malapero de *"Tra La Filatelio"* informas s-ano J. Fize en n-ro 17: *Ne sufiĉe da abonantoj.* Plue legeblas informo, ke la franclingva gazeto daŭre estis je dispono de la membraro de UAFE (franca E-Asocio), kiu dum novembro 1909 havis 39 membrojn. Prezidanto de UAFE estis s-ro J. Fize, Beziers (F).

## LA HIMNO DE LA UNIVERSALA ASOCIO DE FILATELIA ESPERANTISTA

En "TRA LA FILATELIO" junio 1909, troviĝas 3-strofa himno de UAFE el la plumo de N. HOHLOV, Moskvo, kantebla laŭ la muziko de la "Espero". Almenaŭ la unuan strofon mi deziras prezenti al niaj klubaj geamikoj:

Nun la mondo havas unuiĝon
Inter ĉiuj veraj kolektistoj
Nun ĝi havas bonan kunfratiĝon
Asocion de l'filatelistoj;
    Sub la verda stelo esperanta
    Kolektiĝas nova amikaro
    Kaj tutmondan lingvon ĝi havanta
    Pligrandiĝas de la jar'al jaro.

# HISTORIO DE LA GLUMARKOJ

Dankon al nia AMOUROUX pro la alsendo de interesaj materialoj kaj informoj pri tiu ĝis nun nekonata paĝo de nia E-filatela historio.

NORMANDA STELO, nov. 1913 pri ERINOFILIO

Jam en la komenco de nia jarcento la vorto ERINOFILIO estis uzata de kolektantoj. Poste ĝi malaperis kaj nur post 1965 reaperis en la tekstoj de kolektantoj. En niaj vortaroj ĝi daŭre mankas. Nia AMOUROUX trovis en sia arkivo supre menciitan E-gazeton el la jaro 1913, kiu enhavas la sekvan ĉapitron:

ERINOFILIO

Kia nova kaj stranga vorto! ...diros vi, kara leganto, vidante la ĉisupran titolon. Vane vi esploras pli malpli ampleksajn vortarojn, vi ne trovos ĝin. Tiam eble vi pensos dismeti la diversajn elementojn de la vorto, sed ĉar vi ricevas la jenan sensencaĵon: "filio de erino"! Vi kompateme ridetos kaj demandos vin, ĉu freneziĝis la redaktoro de tiu-ĉi artikolo. Necesas do, por forpeli tiun malagrablan opinion, ke mi tuj klarigu al vi la veran sencon de tiu ne ordinara vorto.

Ĝi estas, en la esperanta lingvo, simpla kunmetita vorto, devenante de la germana "erinnern" (memorigi) kaj de la greka vorto "philos" (amiko). De tio sekvas, ke "Erinofilio" (france: erinnophilie) estas la amo al memoraĵoj kaj pli precize al glueblaj bildetoj, kies celo estas memorigi pri diversaj, notindaj okazintaĵoj tiaj, kiaj estas ekspozicioj, kongresoj, jubileoj, festoj, konkursoj ktp.. Plej ĝuste *erinofilio* estas la elserĉademo kaj kolektemo de ĉiuj sigel- aŭ glumarkoj, kiujn vi nedube jam ofte rimarkis, ĉar multaj nacioj, internaciaj esperantistaj kongresoj, societoj, eĉ firmaoj uzis ilin por sia propagando. *Normanda Stelo* mem eldonis tiajn rondajn markojn, verde presitaj sur blanka papero.

Ni do intencas publikigi tie ĉi, sub la konata titolo *"Erinofilio"*, serion da artikoletoj, priskribontaj la devenon, historion kaj estontecon de tiu ĉarma, interesplena kaj malkara sporto, kuzo de la filatelio, kies prosperon kaj sukceson ĝi baldaŭ trafos. Ĝis nun tiu ĉi speco de kolekto ne multe disvastiĝis en Francujo, sed ni ne dubas, ke post mallonga tempo ĝi havos en nia kara patrolando tiom multajn adeptojn, kiom en aliaj eŭropaj landoj, nome en Germanujo, Aŭstrio, Belgujo. Italujo ktp. Al tiu ĉi celo ni dediĉos ĉiujn niajn zorgojn, penante por interesi kaj ne tedi niajn legantojn.

MARKAMULO

Bedaŭrinde nia AMOUROUX ne posedas iujn postajn eldonojn de tiu gazeto kaj sekve ne povas kontroli, ĉu vere aperis artikoletoj pri E-glumarkoj. Dankon al li pro la sendita kopio.

Rimarko de R. Hirsch: Por la germanaj ne-Esperantistaj glumarkkolektantoj ekzistas la kolektuniĝo de nepoŝtaj markoj (glumarkoj) kun kolektgrupoj por la kolektantoj de bild-poŝtkartoj kaj aliaj kolektendaj aĵoj. En la Germana Filatela Asocio tiuj ko-

lektantoj estas organizitaj en la laborgrupo "ERINNOPHILIE". Ilia informilo estas *"Erinnophile International"*. De tempo al tempo mi publikigas en tiu informilo artikolojn pri la E-Filatelo kaj E-glumarkoj.

*NIAJ KLUBAJ AMIKOJ EKSPOZAS....*

## EKSPOZICIOJ

Nia James PITON (BR), laŭ peto de la LKK de la 32-a Brazila Kongreso de Esperanto, montris sian E-filatelan ekspozaĵon dum 10 tagoj antaŭkaj dumkongrese en la ĉefpoŝtejo de RIBEIRAO PRETO. Tio rezultis bonegan propagandon kaj trovis eĥon ankaŭ sur titolpago de la urba taga ĵurnalo "O DIARIO de R.P.." La antaŭaj spertoj de PITON montri la ekspozaĵon ene de la kongresejo estis tre malkuraĝigaj, ĉar la kongresanoj ne havis tempon rigardi ĝin. Por la venontaj kongresoj li ĉiam proponos lokigi la ekspozaĵon en poŝtejo.

Kara kolektamiko Piton! Estu atentema pri via valora filatela materialo! Se tro ofte ĝi suferas ekspozadon, la materialo flaviĝos sub influo de la taga lumo! Eble, mi ne scias nun, ŝajne estus pli bone montri kopion de tiu ekspozaĵo en nefilatelaj ekspozicioj.

Nia PITON nun celas akiri Vermajlan Medalon en la BRAPEX 1996.

*VERDISMA E-EKSPO EN DRESDEN*

## KURIOZAĴOJ DE 1907

Artikolo en "Tra la Mondo", junio 1907

"...En la 2-a Germana Esperantista Kongreso 1907 en Dresdeno. okazis granda ekspozicio. Sur aparta tablo kuŝis Biblio de Nia Lingvo, la Fundamenta Krestomatio, ornamita per floroj kaj silka Esperanto-flago. Super tiu Zamenhof-Altaro pendis granda portreto de Nia Majstro. Ankaŭ la komerco uzas tre favore Esperanton...videblis tabakpipoj kun la portreto de Zamenhof kaj belaj Esperantaj bierglasoj..."

SERGIUS WINKELMANN

En la samjara "Germana Esperantisto" aperis tiuj reklamoj:

Esperantistoj
postulu ĉie
Dro Zamenhof-cigaredojn
No 3 kun buŝtubeto aŭ orumita . . . . 3 Pfg.
No 5 „ „ „ „ . . . 5 „
Cigaredfabriko Casanova,
Dresden.
[128]

Por la naskiĝfesto
esperantajn cigarojn „La Espero"
M. 9,— kaj M. 7,75 po cent
Mendoj de M. 20,— kaj plie afrankite
Specimenoj senpage.
Provu kaj mendu ĉe samideano
Hans Sandtmann, Hamburg
Gr. Reichenstr. 51.

## PRI MALNOVAJ KAJ NOVAJ GLUMARKOJ

Karaj kolektamikoj! De tempo al tempo venas novaj informoj pri jam katalogitaj glumarkoj. Ĉar mi ne plu povas ŝanĝi la koncernajn katalogpaĝojn, mi estonte publikigos tiujn informojn sur apartaj paĝoj, kiuj ricevos ĉe la paĝnumero la literon "A".

Aperos ĝis nun nekonataj glumarkoj el pasintaj jaroj, kiuj ankoraŭ ne estas katalogitaj, mi katalogos ilin en la III-a parto de la glumark-katalogo "TROVITA". *R. Hirsch*

*Informoj pri jam katalogitaj glumarkoj, kiujn ni nur nun ricevis, aperos en la SUPLEMENTO 1997:*

788: mezuro: 13,5 X 10,4 memglua   830: memglua, ĝusta dato: 09 03 75
















888 43-a E-kongreso
Arles s. Rhone
16a kaj 17a
de aprilo 1977
84 x 82 gumita
ve-ni-ru





849: memglua, bildo: botelo, glasoj, vinberoj.
Nun aperis kun datvariaĵo :
a) 14 Mars (marto) 1976
b) 16 Mars (marto) 1976 (ĝusta dato)
(bildo apude)

Dankon pro la informoj al nia AMOUROUX.




## GLUMARKOJ

Informo pri hungara glumarko el la jaroj 1975/1976:

5-a VEF Budapest, 28 12 1975 - 02 02 1975, bloko kun 5 glm, (4 diversaj) 100 x 80







INFORMOJ PRI GLUMARKOJ EL LA JAROJ 1996 / 1997:

Plia glumarko pri la SAT-Kongreso en Sankt Petersburg 13-20 07 1996 flava, 53 x 50,




2-a Hansa Esperanto-Tago Mielno (PL) 01-04 05 1997 70 x 31, memglua, ni sur blanka




49-a Kongreso de IFEF Kosice (CZ) 10-17 05 1997 68 x 36, memglua, ni, ve sur blanka

# BILD-POŜTKARTOJ




"Saluton el Gliwice" (PL)-dorsflanke: Dancantaj faŭnoj antaŭ la Urba Oficejo, urba blazono kaj E-stelo. Adresflanke: E-teksto kaj adreso Zarząd Miasta, ul. Zwycięswta 21 PL-44-100 GLIWICE. Per tiu adreso vi povas peti la E-BPK. La BPK donis nia kluba amiko MANDRAK en Praha al mi. Dankon!




Por la 81-a UK haveblis ĉe la kongresa poŝtgiĉeto pluraj kongresaj BPK. Ankoraŭ ne venis informoj de HASALA, kiu tie dejoris. Mi posedas la sekvajn du: "Saluton el la kongresurbo Praha" kun dorsflankaj bildoj de la UK-kongresoj 1921 kaj 1996. La dua kun urba panoramo, kongresa emblemo kaj E-teksto pri la 81-a UK.




1000 jaroj DUISBURG (D) Dorsflanke 6 bildoj kun E-tekstoj. Ricevita de kluba amiko MUHSAL. Dankon!

## LA GRANDA KATALOGO DE ELF - AREK

Karaj geklubanoj!

1989 mi eldonis nian katalogon kaj intertempe mi forvendis pli ol 80 ekzemplerojn. Ĉiujare mi eldonas *suplementojn* por aktualigi la katalogon. Kun granda bedaŭro mi konstatis, ke la mendoj de la suplemento de jaro al jaro pli malaltiĝas. Lastjare mi nur forvendis malpli ol 20 ekzemplerojn. Tio signifas por la katalog-posedantoj, ke de jaro al jaro malaktualiĝas ilia katalogo. Tamen unu aŭ alia katalogposedanto de tempo al tempo rimarkis tion kaj li mendis ĉe mi suplementojn por antaŭaj jaroj. Mi nun denove atentigas, ke ne eblas liveri suplementojn por pasintaj jaroj. La sola solvo por tiuj nemendintoj de la ĉiujara suplemento estos: aĉeti novan katalogon. Tial mi nun afable petas la katalog-posedantojn kontroli, ĉu via katalogo ankoraŭ estas aktuala? La lasta suplemento estas de 1996.

Richard Hirsch

Lastminute alvenis de nia PITON el Brazilo informo pri nova glumarko:

32-a Brazila Kongreso de Esperanto 1996, Ribeirao,
Teksto: Soluacao da Communicacao, E-stelo, mezuro: 21,3 x 7,5 cm
(Supozeble por glui sur aŭtofenestroj, ĉar la bildo nur videblas post forigo de papera tavolo). (mankas la bildo, dankon al Piton)

*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*

Informilo de ELF-AREK (Esperanto-Ligo Filatelista * Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj
*Offizielles Organ der ArGe ESPERANTO (laborgrupo Esperanto de la germana) VdPh (Asocio de germanaj Filatelaj Laborgrupoj).*

---

Redaktoro: Rudolf Burmeister, Max-Müller-Str.62, DE-09123 CHEMNITZ

Prezidanto: Hermann Heiss, Lohstr. 42, DE-77704 OBERKIRCH

Kasisto: Rolf Beau, Saxoniastr.35, DE-04451 ALTHEN (nova adreso)

Bankoj: Sparkasse Leipzig: Konto-No.: 1 190 223 208
Bankkodo (BLZ): 860 555 92

Poŝtbanko Nürnberg: Konto-No.: 036 6737-855
Bankkodo (BLZ): 760 100 85

UEA-konto: elfx-r

Kotizoj 1997: okcidentanoj: DM 30,--
orientanoj: DM 20,--

Ek de 10/96 ne plu eblas pagi per IRK al Germanio, ĉar ne eblas ŝangi pli grandajn kvantojn de IRK ĉe la poŝtoficejoj. Detaloj en la venonta LVL.

Stampobanko: Werner Heimlich, Fröbelstr. 4, DE-29614 SOLTAU

Kompostis, presis kaj ekspedis: Richard Hirsch, Lambertstr. 12, DE-36251 BAD HERSFELD
(katalog-prilaboranto)